PUBLICATION MENSUELLE

Mai 1961
29e Année
— N° 199 —

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.



S-ro Llech-Walter kun ges-roj Hamvai

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO



**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

**Rédaction :**

**M. Jean THIERRY,** UEF, 34, rue de Chabrol, PARIS Xe. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués **ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction **(un double interligne).** Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

*Prière d'envoyer des clichés, et non de simples photos.*

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**U.E.F. COTISATIONS U.E.A.**

Les versements sont à effectuer au trésorier fédéral ou, à défaut, à l'U.E.F. Paris C.C.P. 855-35 Paris.

| | NF |
|---|---|
| **MEMBRE APPROBATEUR** | 1,50 |
| **MEMBRE ACTIF** | 3,50 |
| **MEMBRE ACTIF** (avec abonnement à la « RF d'E ») | 10 |
| **MEMBRE JUNIOR : moins de 21 ans*** (TEJO) et **étudiants**** | 6 |
| **MEMBRE BIENFAITEUR UEF** (avec abonnement à la « RF d'E »). | 20 |
| **MEMBRE A VIE UEF** (avec abonnement à la « RF d'E ») | 300 |
| **Abonnement seul à la REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO** | 7 |
| **Pour l'étranger — Por eksterlandaj abonantoj** | 8 |
| SUPPLEMENT POUR **UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO** | |
| **MEMBRO JARLIBRO** (reçoit l'Annuaire d'UEA) | 10 |
| **MEMBRO ABONANTO** (reçoit « Esperanto » et Annuaire) | 20 |

(La kotizoj de junuloj ĝis 21 jaroj* estas respektive **5 NF** kaj **10 NF** ; nun JMJ kaj JMA estas aŭtomate TEJO-anoj ; la pliaĝaj studentoj pagas **plenan** kotizon).

| | |
|---|---|
| **MEMBRO SUBTENANTO** | 30 |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** | 15,50 |

Les versements concernant le Groupe des Educateurs Espérantistes sont à faire à G.E.E., 6, Rue de la Paix, Baugé (M.-et-L.) C.C.P. Nantes 1501-41. Membre simple : 800 F ; de soutien : 1.000 F ; bienfaiteur : 1.200 F (8, 10 et 12 NF).

* Indiquer la date de naissance ; ** indiquer la Faculté.


Perpignan, la 1-an de marto 1961.

Karaj Francaj Gesamideanoj,

Kiam la gasto forlasas siajn gastigantojn, lia kutimo kaj memkomprenebla devo adiaŭi. Nun, kiam ni adiaŭas vin, ni havas tre, tre malfacilan taskon. Ĉar porĉiame adiaŭon diri al Francujo kaj al francoj, estas simple *neebla* afero ! Francujo kaj la Franca Spirito kaptas por ĉiam tiujn, kiuj konatiĝis kun ĝi !

Same okazis ankaŭ al ni ! Kaj ankaŭ ni neniam povus eternan adiaŭon diri al vi ! Sed unue ni tamen volas danki al vi pro tiu nesuperebla amikeco kaj gastamo per kiuj vi ĉiuj, *senescepte,* de la plej Nordo ĝis la plej Sudo de via belega lando Komprenigô, de nia kara Esperanto !

Ni sentis ĉe vi ĉie la saman spiriton kaj amikecon, pri kiuj nia Majstro revadis ! Ni povis per propraj okuloj vidi kaj per propraj koroj senti, ke « LA FRANCE » ne nur iam estis la standardportanto de la plej noblaj homaraj ideoj, sed, ke ankaŭ hodiaŭ ĝi la sama estas kaj same alte tenas ankaŭ la verdan flagon de la Tuthomara Komprenigô, de nia kara Esperanto !

Kiam ni, kune kun mia edzino tutkore dankas al vi ĉiuj pro nia plej amika akcepto, nur unu peton mi havas de vi, karaj francaj geamikoj : Restu la samaj, laboru *same* kiel ĝis nun por niaj idealoj kaj tiam vi kaj la tuta mondo povos esti certaj, ke nia fina venko baldaŭ alvenos ! Vi tenu same alte kaj portu pluen same la Verdan Standardon, kiel ĝis nun !

Nur unu afero malĝojigas nin : Ke ni ne povis ĉiujn karajn gesamideanojn kaj klubojn viziti, kiuj deziris nin vidi ! Pardonu al mi pro tio, karaj Geamikoj kaj bonvolu kompreni, ke — pro manko de tempo — simple neeble estis akcepti ĉiujn same karajn invitojn. Sed anime, senescepte, ni deziris viziti vin.

Do, kiam ni adiaŭas de vi, tion ni faras nur fizike, sed *spirite* ni tamen ĉiam restos proksime unu al alia, ĉar ni estas ja ĉiuj same civitanoj de nia ESPERANTUJO !

Kun amo kaj amikeco viaj,

Olga kaj D-ro Johano Hamvai.

# La 53-a Franca Kongreso



L'HOTEL DE VILLE

Meze de bela anglastila ĝardeno staras nia urbdomo (Kliŝo-Havas).

La *Epernay-a Grupo* bone aranĝas la programon pri *la* 53a *Nacia Kongreso de Esperanto,* kiu okazos la 20-21-22 de majo.

*Sabate :* Oficiala akceptado ĉe la firmao *Moët et Chandon,* kies nomo estas famkonata pro la ĉampano. Vespere : Granda balo en la urba festsalono.

*Dimanĉe :* En la urba teatro je la 21-a horo kultura vespero.

Programo : Folkloraj dancoj.

Saksofona kvarteto, Trompetĉasistoj.

La fratoj Moussé dekkvar-aĝaj akordionistoj muzikludos vestitaj per fosforebrilaj kostumoj.

La fervojista trupo de Parizo prezentos teatraĵon en Esperanto.

*Lunde :* Ekskurso tra la vinberejoj ĝis Reims ; vizitado de la urbo.

Okaze de tio, oni eldonas ilustritan filatelan poŝtkarton, kiu estas dediĉita al la pioniroj de nia movado. Ĝi estas dezirinda memoraĵo por ĉiuj Esperantistoj.

Prezo po 1 NF.

Informoj haveblaj ĉe : S-ro DEBAR Serge,
Fakdelegito U.E.A.,
38, rue des Petits-Près,
EPERNAY (Marne).

*Excursion du lundi* 22 *mai* (Congrès d'Epernay)

Départ à 7 h. 30.

Cuy, Cramant, Mesnil-sur-Oger, Avize, Mareuil-sur-Ay, Louvois, Verzy, Verzenay, Mailly, Champagne Ludes Reims, Monchenot, Saint-Imoges, Hautvillers, Cumières.

Arrivée à 16 h.

Prix : 21 NF par personne (comprenant le transport en car, le déjeuner à Reims, la visite guidée de la ville).

# Elections pendant le Congrès

Nous rappelons à tous nos membres qu'il est de leur devoir de voter à l'occasion de nos congrès nationaux. Il s'agit pour eux de dire s'ils approuvent l'action de leurs dirigeants après avoir lu le rapport moral de l'année 1960. Ils doivent également élire cette année cinq membres sortants au Conseil d'administration.

Voici la composition du Conseil d'administration actuel :

MM. ASQUERY, BELHOSTE, CHAGNOUX, GUILLAUME, GOUGET, LLECH-WALTER, MARLY, MOTTO, PETIT, RIBOT, ROUSSEAU, THIERRY, WARINGHIEN.

Membres sortants rééligibles :

MM. RIBOT, ROUSSEAU, THIERRY, WARINGHIEN.

Nova kandidato : M. ROUGETET.

Représentants des Fédérations qui ont plus de 50 Membres : RHONE-ALPES, S-ro LEMAIRE ; LANGUEDOC, S-ro LLECH-WALTER ; PARIS, S-ro POLY ; PROVENCE, S-ro BOURDELON ; EST, S-ro CHAPELIER ; MASSIF CENTRAL, S-ro CHAGNOUX ; NORMANDIE, S-ro BOSC ; SUD-OUEST, S-ro RIBOT ; NORD, S-ro ODENT.

Pour le vote par correspondance, prière d'écrire sur un simple morceau de papier : 1°) si vous approuvez l'action des dirigeants. La mention **Jes**, ou **ne**, suffit. 2°) Inscrire au maximum cinq noms pour le vote au Conseil d'administration. Mettre ce papier dans une enveloppe sur laquelle vous écrirez : VOTE. Fermer l'enveloppe et la glisser dans une autre sur laquelle vous porterez l'adresse de l'U.E.F., 34, rue de Chabrol, Paris-Xe. Au dos de cette enveloppe porter obligatoirement vos noms et adresse afin de vérifier si vous avez bien réglé vos cotisations 1960. Ceux qui ont l'intention de venir au Congrès d'Epernay pourront voter avec des bulletins qu'ils recevront dans la salle. Dans le cas où un membre n'a pas participé au vote (même par écrit) son chef de Fédération votera pour lui.

Nous espérons que vous viendrez tous nombreux à Epernay où un programme intéressant vous attend.

★

# JARA RAPORTO DE U. E. F.

**Enkonduko.** — Tiu ĉi raporto estas kunmetita de la prezidanto kaj aprobita de la Estraro de U.E.F. Ĝi rilatas al la agado de la komitato, oficejo, grupestroj kaj membraro dum la jaro 1960.

**Nia Centro.** — Ni bedaŭras, ke nia nacia oficejo ne estas en pli moderna kaj alloga loko. Tio ĉi estas afero de mono. Tamen ni provas plibonigi ĝin por la vizitantoj kaj la kursoj.

En ĝi Pierre ROYER havas la gravan rolon ordigi la multenombrajn librojn en la kreskanta biblioteko kaj S-ro TABERNAT devis fabriki novajn meblojn.

Ni povas rediri, ke laŭ la kontenteco de niaj membroj nia sekretariino, F-ino PAULIER zorgas pri la kutimaj laboroj. Feliĉe ŝi nun havas helpon de S-ro COUTEAUX por tradukoj, de S-ro POLY kiu bonvolas fari multajn klopodojn, de S-inoj NOYES, ROBIN kaj SUCHAREAU por sekretariaj aferoj ; de S-ro DABEZIES por la presigo de la cirkuleroj kaj gazetara servo. Plie, oni kaptas vizitantojn por urĝaj aferoj.

Sabate, la fidelaj kunlaborantoj venos, J. THIERRY por F.E., J. ROUSSEAU por la kontoj kaj J. GUILLAUME. Oni ankaŭ vidas Pierre PETIT kaj Paul CILIGA.

Kune ili provas solvi la problemojn kaj pensi pri la estontaj planoj inter niaj komitatanaj kunvenoj, kiuj okazas kvarfoje jare.

**Financoj.** — Estas ĉiam novaj kontoj en niaj libroj kaj komplikajoj pro la internaciaj pagoj. Nia kasisto J. ROUSSEAU ĝuas tiujn aferojn kaj lia plezuro estas bremsi la elspezojn.

Li certe diros al ni en Epernay, ke la financoj de nia asocio estas kontentigaj, se ni restas ŝparemaj, kaj ni pagos malpli da impostoj, se ni faros donacojn al U.E.F. Li certe pravas. Ni devas pensi, ke dank'al mono oni povas multe informadi.

**Membraro.** — Kontentige nia membraro kreskas ĉiujare, ĉu por U.E.A. ĉu por U.E.F. En la internacia konkurso de U.E.A. ni atingis 105 %, kaj jen estas la ciferoj por 1959-60 :

| | U.E.A. | U.E.F. |
|---|---|---|
| 1959 : | 2.019 | 1.189 |
| 1960 : | 2.152 | 1.303 |

U.E.F. estas la unua en la poenta konkurso de U.E.A.

Tiu ĉi kresko povus esti multe pli rapida, se ni povus organizi la varbadon kaj se la kasistoj bonvolus peti la kotizojn de la membroj. Ofte ni aŭdis forgesemulon diri : « Kial oni ne memorigis al mi, ke mi ne pagis mian kotizon ? ». Ni petas la grupestrojn montri al siaj membroj la intereson kaj devon de la aliĝo al la nacia kaj internacia movadoj, ĉar ni devas paroli pri grava nombro de personoj.

**Delegitoj de U.E.A.** — Francujo havas la plej gravan delegitan reton de U.E.A. (154 en 1960). Sur la diversaj vojoj al la belaj regionoj ni provas aldoni novajn kapablulojn, kiuj povas helpi la eksterlandajn vizitantojn. Ni instigas la delegitojn rilati kun la urbaj kaj turistaj organizoj por pruvi la utilecon de la lingvo. Eĉ ni faras por ili oficialan leteron por prezenti ilin al la lokaj instancoj kaj peti helpon. Kelkaj ricevis informilojn en Esperanto.

Por kontroli la uzadon de la delegita servo ni faris enketon nur ĉe la delegitoj kaj el 68 respondoj ni konstatis ke 187 petoj rilatis pri turismo, pri laboro 8 — medicinaj aferoj 12, Teatro-Muziko 16, Komerco 2. 30 el la respondantoj gvidas kurson.

**Franca Esperantisto.** — Nia nacia gazeto evidente plaĉas al la plimulto laŭ sia aspekto kaj enhavo, sed bedaŭrinde ĝi ne aperas sufiĉe ofte kaj regule.

Ni ŝatus havi pli multe da abonantoj por eldoni unu aŭ du pliajn numerojn jare kaj unu luksan numeron por jarfino. La pli regula apero de la gazeto dependas de du faktoroj : unue de la preskondiĉoj (en rekta rilato kun la prezkondiĉoj), kaj due de la kunlaborantoj, kiuj devus kreski kaj ĉefe ne atendi la aperon de numero por sendi plian materialon.

S-ro THIERRY estas danka al kreskanta nombro de interesaj artikoloj kaj dankas al ĉiuj, kiuj helpas lin por doni al la franca movado interesan informilon.

**Nacia Kongreso.** — 250 personoj partoprenis la kongreson de Montélimar, organizitan de S-ro LLORENS. La artista parto estis rimarkinda, la vizitoj tre interesaj kaj la laboroj tute fruktodonaj. Al S-ro LLORENS ni ŝuldas tiun sukceson.

Prezidanto CANUTO, kiu ĉeestis ĝin, estis tre kontenta. Bedaŭrinde, tiu ĉi kongreso estis lia lasta esperantista manifestacio.

**Karavano.** — Kiel ĉiujare, U.E.F. aranĝis karavanon al la 45-a U.K. en BRUSELO. Kvankam tiu ĉi urbo estas iom proksima por ni Francoj ni starigis karavanojn pertrajnan kaj hotelan.

**Internacia Kongreso.** — Estis facile por ni Francoj viziti la Kongreson de Bruselo, kaj pro tio ni estis multnombraj 292 aliĝantoj. Ni tre ŝatis la diversajn manifestaciojn la laborojn kaj programojn, kiuj estis tre interesaj. Bedaŭrinde, pro la aktualaj cirkonstancoj, ni ne ricevis oficialan helpon de la registaro.

Por la unua fojo, la 5 francaj komitatanoj de U.E.A. povis ĉiuj ĉeesti la specialajn kutimajn kunsidojn.

**Kontaktoj kun aliaj instancoj.** — S-ro ROUGETET regule rilatas kun la franca komitato de neregistaraj organizajoj en konsultaj rilatoj kun Unesko. Li konstatis, ke Esperanto estas nun pli bone konata ĉe la diversaj ne-registaraj organizajoj de UNESKO.

Ĉe la Popoluniversitatoj S-ro Pierre PETIT estas prezidanto de la Internacia Asocio. En la diversaj kunvenoj oni parolis pri nia lingvo malgraŭ malhelpo de la instruaj medioj.

Ni ankaŭ povas mencii, ke S-ro GOUGET konigas regule nian movadon ĉe la Kampadistoj, ke S-ro P. CILIGA vizitas kaj korespondas kun la diversaj federalistaj movadoj.

D-ro ALBAULT faris tre belan artikolon pri ZAMENHOF en LA PRESSE MEDICALE. Specimenoj estos senditaj al medicinistoj.

Ĉiujare U.E.F. organizas interfakan kunsidon por kunlaborado. La faka agado estas grava, kaj ni devas kuraĝigi niaj membrojn, kiuj iras en ĉiujn mediojn por montri, ke nia lingvo estas vivanta afero, bonega helpilo por la internaciaj movadoj.

**Informado.** — Sekve de la Zamenhofa Jaro, ni daŭrigis la informadon en la oficialaj kaj lernejaj medioj. Ni uzis multajn informilojn, sendis gazetojn kaj eĉ librojn.

U.E.F. disdonas la sekvantajn informilojn :

L'Espéranto et la Culture, de Jeanne Dedieu.

L'Espéranto dans l'Enseignement, de André Ribot.

La Langue Internationale, de G. Rougetet.

L'ESPERANTO, langue internationale (gramatiko kaj vortareto).

Pourquoi l'Espéranto ?

L'UNESCO et l'ESPERANTO.

Kaj la informilojn de la Kultura Domo.

Bedaŭrinde, la nunaj cirkonstancoj malhelpis al nia oficialaj klopodoj, kaj malgraŭ diversaj promesoj ni ne havis kontentigajn rezultatojn. Tamen ni ne estas malkuraĝigitaj, kaj ni certe daŭrigos nian komencitan laboron.

Por la 15-a de decembro, okazis 5 paroladoj pri ZAMENHOF kaj 6 grupoj faris ekspoziciojn (Epernay — Angers — Toulouse — Besançon — Perpignan — Nice.

Foiro de Parizo : Budo.

**Strato Zamenhof.** — Francujo havas la plej grandan nombron da stratoj Zamenhof. En 1960 oni inaŭguris novan straton en **Montreuil-Bellay.** Plie, kampadejo Zamenhof ekzistas nun en **Vallon Pont d'Arc.** Ni gratulas al la agemaj propagandistoj.

En 1961 ni antaŭvidas du novajn stratojn en Normandie.

**Gazetara Servo.** — Kun la helpo de S-ro FIGHIERA ni faras artikolojn por la francaj gazetoj kaj la oficialaj instancoj. Niaj membroj sendas al S-ro MOTILLON la aperintajn artikolojn en la gazetoj, kaj jen estas lia raporto :

Favoraj gazetoj : 51.

Nombro da artikoloj en naciaj gazetoj : 182. Nur unu artikolo estis malfavora. Tiam diversaj samideanoj konsilitaj de S-ro FRANGEUL reagis, skribante leteron al la malbona gazeto. Ankaŭ 223 mallongaj informoj pri Esperanto aperis en la regionaj gazetoj.

Ni konstatis, ke estas kelkaj forgesoj. Tamen ni havas bazon por niaj ĝeneralaj informoj. Ni provu plibonigi tiun servon.

**Radio-dissendoj.** — La plej agema franco, kiu uzas radion, estas nedubeble S-ro Pierre DELAIRE, kiu ĉiujaŭde, je la 9 h. 30 dissendas kurson. Okaze de la datreveno de Zamenhof li faris, anstataŭ kurso, paroladon pri la aŭtoro de Esperanto.

Dank'al sugestoj de diversaj samideanoj, Radio vizitis nian centron Chabrol kaj registris specialan programon pri la vivo de Zamenhof. Ĝi estis plensukcesa kaj ni ricevis sonbendon de tiu bela programo, kiu daŭras 25 minutojn. La diversaj grupoj povas prunte akiri la sonbendon nur por 3 NF.

Tiel la radio-stacioj de Luxembourg kaj Monte-Carlo informadis por ni. Plie, la stacioj de Lille, Lyon, Perpignan, France II, Marseille kaj Rennes parolis pri Esperanto.

S-ro DARNAULT laŭeble helpas al ni pri radio-dissendoj kaj S-ro LARGLANTIER zorgas por la presigo de la radio-programoj en la Internacia Revuo Esperanto.

**Instruado.** — Nia jaro estis plensukcesa. Ni povis organizi oficialajn provojn de instruado en lernejoj de Perpignan kaj Versailles.

Ni faris enketon okaze de la vintraj kursoj kaj ni ricevis raportojn pri 130 kursoj en 70 urboj.

Nia ĝenerala Sekretario, S-ro RIBOT, senlace iras de loko al loko por paroli antaŭ la infanoj de lernejoj. Dum la jaro 1960 li vizitis 147 lernejojn, kaj proksimume 12.000 infanoj kaj instruantoj aŭskultis lin. Dank'al li multaj kursoj ekkomenciĝis kaj ni povas esperi rezultatojn estontece.

En Perpignan mi sukcesis organizi seminarion sub la aŭspicio de la ministerio de edukado la 8-12-60. La celo de tiu ĉi renkonto estis kapabligi estontajn instruistojn de Esperanto.

S-ro DUCANCHEZ, instruisto en seminario, gvidas la unuagradan kurson ; S-roj René LLECH-WALTER kaj Dario RODRIGUEZ la duagradan. Dek kursoj funkcias ĉiusemajne.

Ĉar la laboro ĉe la instruaj medioj estas pli grava, G.E.E. kaj U.E.F. formis specialan komisionon kies sekretario estas S-ro André RIBOT. Niaj samideanoj, kiuj deziras fari klopondon por la instruado, devus plej discipline rilati kun li por ne fari mispaŝon.

**Franca Esperanto-Instituto.** — S-ro TARDIEU, kiuj plej bone kaj modeste zorgas por la kontrolo en la ekzamenoj kaj dissendo de la atestoj, sendis al ni sian jaran raporton. Jen la ciferoj por la diplomoj : 162 pri lernado, 51 pri supera lernado, 10 pri kapableco kaj 3 pedagogiaj, entute 226 diplomoj.

**Grésillon.** — La franca movado kaj prezidanto H. MICARD povas fieri pri nia kultura domo, kiu regule prosperas ; kaj pro tio oni povas plibonigi ĝin ĉiujare.

En 1960 la kastelo estis malfermita dum 128 tagoj kaj 574 personoj vivis en ĝi pli aŭ malpli longe. Inter ili estis 56 eksterlandanoj el 12 landoj. La aktivecoj estis plej diversaj : pli ofte kursoj kaj paroladoj, sed ankaŭ filmoj, dancoj, festoj, ekskursoj, sportoj kaj naĝado.

**Internacia korespond-servo.** — Por U.E.A. ĉar S-ro LUEZ estis tro okupata, F-ino HUETER en CLERMONT-FERRAND anstataŭis lin por la mondskala koresponda servo (K.S.M.).

Por Francujo, S-ino VINCENT en LES ANDELYS bonvolas zorgi pri la nacia servo. Ŝi ricevis dum la jaro proksimume cent korespondpetojn, kiujn ŝi preskaŭ senescepte plenumis sukcese. Sed ŝi plendas, ĉar la petantoj ne ĉiam respektas la regularon de tiu servo.

**Junularo.** — La franca sekcio estis reorganizita kun Michel TURIN kiel Prezidanto. Ili partoprenis al la antaŭkongreso de ROTERDAMO kaj kunlaboros kun TEJO.

**Konkludo.** — Estas rimarkinde havi en Francujo du kompetentajn samideanojn, kiuj laboras konstante por la disvastigo de Esperanto. La unua, nia Generala Sekretario André RIBOT informas ĉe la juna generacio. Li ankaŭ eldonas gravajn librojn.

La dua estas S-ro DELAIRE, kiu de multaj jaroj faras kurson per la radio kaj instruas per koresponda kurso. Kiam ni havos 100 instruantojn similajn en Francujo. ni povas esti certaj pri la oficialigo de nia lingvo.

Kvankam ni ŝatus reorganizi Ĉe-kursojn kun eksterlandaj instruistojkiel antaŭ la milito, ni ne trovis grupojn por preni la financajn riskojn.

Finante, mi volas danki al miaj konstantaj kunlaborantoj, al multaj grupestro kaj instruantoj de nia lingvo, kiuj konstante laboras por la movado. Ni semu, ni semu...

Le Prézidanto,
R. LLECH-WALTER.

★

Nur du lingvojn lernu tuj
kaj ne pensu pri la tria.
Unu estu de l'patro',
de l'homaro la alia !

J. GOMES BRAGA.

# FORGESITAJ TEKSTOJ DE L. ZAMENHOF

I. **PRI LA « UNIVERSALA VORTARO » (1893).**

Anstataŭ la « Meza Vortaro por Rusoj », kiun *D-ro Ostrovski* intencis eldoni, baldaŭ eliros alia, multe pli grava verko : « Universala Vortaro de la lingvo internacia Esperanto », kiu enhavos en si la tradukon de la Meza Vortaro en *kvin* lingvoj (franca, angla, germana, rusa kaj pola). La manuskripto jam estas preta kaj donita en la presejon, kaj ĝi eliros kredeble ĉirkaŭ la fino de Aŭgusto.

« ESPERANTISTO », N° 6 (42), 15a Junio 1893. Jaro IV. Paĝo 84.

II. **PRI LA « EKZERCARO » (1894).**

Ĝis nun pri nia lingvo ekzistis nur sekaj gramatikoj kaj vortaroj (krom la lingvo germana, en kiu ekzistas ankaŭ ekzercolibroj n-roj 28 kaj 45). Kiu volis lerni nian lingvon, devis aŭ simple ellerni la gramatikon kaj sekan amason da vortoj, aŭ preni ian libron, skribitan en nia lingvo, kaj tradukadi ĝin kun helpo de la komuna vortaro : libro por sistema lernado, por sinekzercado — ne ekzistis. Sed nur malmultaj havas tiom da pacienco, por lerni per serĉado de ĉiu vorto en la vortaro ; tio ĉi faradis la lernadon de nia lingvo malfacila kaj malagrabla (precipe por tiuj personoj, kiuj, ne konante la ĉefajn eŭropajn lingvojn, devis ĉe la lernado serĉi *ĉiun* vorton en la vortaro). Longe jam niaj amikoj plendis pri tio ĉi, kaj longe jam ni volis eldoni tian libron, enhavantan sistemajn ekzercojn kun la traduko de la vortoj sub ĉiu paragrafo ; sed du objektoj nin detenadis : a) la minacado de reformoj, kiuj promesadis fari la eldonotan ekzercaron tute sentaŭga tuj post ĝia eliro, kaj b) la manko de rimedoj. Nun la Aŭgusta rezultato de la komuna voĉdonado montris, ke reformoj aŭ tute ne estos faritaj, aŭ — se en Novembro venkus la punkto 4 — iaj reformoj estos faritaj ankoraŭ ne tie baldaŭ. Tial ni jam povis permesi al ni eldoni nian longe jam intencitan libron « Ekzercaro de la lingvo internacia Esperanto ». La mankon de rimedoj ni ankaŭ povis iom venki, ĉar, kiel la legantoj scias, por eldonado de verkoj ekzistas nun « Biblioteko », kiu apogas sin sur abonoj kaj donas la eblon kreadi literauron per fortoj komunaj ; la « Ekzercaron ni eldonis sub la formo de folioj 5, 6, 7 de la « Biblioteko ». La « Ekzercaro » konsistas el 42 paragrafoj da sistemaj ekzercoj en nia lingvo ; sub ĉiu paragrafo estas donitaj tiuj vortoj kaj formoj gramatikaj, kiuj sin trovas en la paragrafo, kun traduko en la lingvoj franca, angla, germana, rusa kaj pola. La « Ekzercaro » donas al ĉiu komencanto, de kia ajn el la 5 montritaj nacioj li estas, la eblon facile kaj sisteme ellerni nian lingvon. Por ke tiu ĉi « Ekzercaro » estu tute plena, ni intencas post kelkaj monatoj aldoni al ĝi ankoraŭ unu aŭ du foliojn, enhavantajn la plenan tradukon de la frazoj de ĝiaj paragrafoj ; tiam ĉiu povos ne sole lerni, sed ankaŭ precize kontroladi sian lernadon, komparante siajn proprajn tradukojn kun la tradukoj presitaj, tradukante el Esperanto en sian lingvon nacian kaj el sia lingvo nacia en Esperanton. Tiam fariĝi perfekta esperantisto estos jam afero tre facila por ĉiu, dum ĝis nun ĉiu, kiu volis fundamente lerni Esperanton, devis necese havi certan dozon da pacienco. La « Ekzercaro », en prenita en la nomaron de la verkoj sub n-ro 72, estas jam dissendita al la mendintoj de la « Biblioteko ». Ni devas tie ĉi rimarki, ke per bedaŭrinda eraro de la Varsovia presejo la « Ekzercaro » ricevis kovrilon grizan anstataŭ verda kaj la surskribo « Biblioteko de la lingvo internacia Esperanto » mankas sur ĝi.

« ESPERANTISTO », N° 9 (57), 15a Septembro 1894. Jaro V. Paĝo 130.

III. **TRI RIMARKOJ PRI « FILOLOGIAJ » ANTAŬJUĜOJ (1895).**

Kelkaj tekstoj ne estas tre facile troveblaj, ĉar miksitaj kun aliaŭtoraj komunikoj aŭ leteroj ; ĝuste en unu el tiuj leteroj, kiun sendis S-ro Rolf Nordenstreng el Helsingfors (*Esperantisto*, N° 4, (64), 15-a Aprilo 1895, p. 52) ni trovis tre interesajn rimarkojn de la redakcio, t.e. de Zamenhof, pri diskuto okazinta la 9-an de Februaro tiujara ĉe Nov-Filologa Societo de la dirita urbo. Tiuj rimarkoj troviĝas inter krampoj en la korpo de tiu ĉi-supre menciita letero kaj finiĝas per : « *La redakcio* » ; ni represas ĉi-sube nur la tekston mem de tiuj redakciaj komentoj.

(Paĝo 52) « Kiel mirinde obstina kaj blindigita la mondo estas eĉ en demandoj la plej sendubaj kaj simplaj, se tiuj demandoj tuŝas nian aferon ! Ĉu povus iu eĉ unu minuton dubi, ke anglo kaj svedo parolantaj ambaŭ france komprenos unu la alian ? Sed tuŝante nian lingvon, kies elparolado estas ja multe pli simpla, ĉio estas dubata ! Ni ne miros, se morgaŭ iu dubos, ĉu vortojn Esperantajn oni povas skribi per inko kaj ĉu oni ne bezonas por tio ĉi ian alian eksterordinaran fluidaĵon.

(Paĝo 53) Malnova historio ! Kontraŭ ĉiu nova ideo la homoj amas kontraŭbatali, kaj kiam ili havas neniajn

esencajn motivojn, per kiuj ili povas kontraŭbatali, ili batalas per iaj elpensitaj fantomoj kaj per belvortaj kvazaŭ-sciencaj sed per nenio apogitaj *teorioj*, anstataŭ esplori la *faktojn*. Se la diskutantoj konus bone la lingvon Esperanto *praktike*, ili vidus, ke ankaŭ Esperanto havas jam sian propran, klare esprimitan kaj kun la tempo ankoraŭ pli esprimiĝontan « animon ». Alie eĉ ne povas esti. Prenu ian leteron, skribitan de persono, kiu ellernis Esperanton, sed ne tre multe ankoraŭ uzadis ĝin — vi tuj rimarkos, ke la letero estas skribita « regule kaj tute kompreneble, sed ne en la stilo kaj spirito de Esperanto »; dume de alia flanko prenu leterojn Esperantajn, skribitajn de personoj de la plej diversaj nacioj, sed bone posedantaj la lingvon, — vi vidos, ke la spirito en ĉiuj ili estas tute egala kaj difinita. Ni diras tion ĉi interalie; sed pro kio entute tuŝi ian demandon pri ia « animo »? La diskutantoj ne dubas la *faktojn*, ke per Esperanto jam nun tre bone interkomunikiĝas personoj de la plej diversaj nacioj, kiuj ĝis Esperanto havis nenian eblon komprenadi sin reciproke; la diskutantoj ne dubas la *fakton* (aŭ almenaŭ ne dubus, se ili legus nian literaturon), ke en Esperanto oni povas tre bone traduki ĉian verkon ekzemple el la lingvo angla kaj ĉiu esperantisto ekzemple hispana komprenos ĝin ne malpli bone, ol se ĝi estus en lingvo hispana. Kion do plu? Tio ĉi estas ja — almenaŭ nun — la solaj problemoj, kiujn ni intencas solvi per lingvo internacia! Pro kio do estas la tuta parolado pri animo, kiu brilas per belaj vortoj, sed havas (p. 54) absolute nenian rilaton al nia demando, se ni memoros, ke ni ja tute ne havas la intencon devigi la naciojn mortigi siajn proprajn « vivantajn » lingvojn!

(Opinio de profesoro Soederhjelm): ... kiel lingvo internacia (t.e. por plene anstataŭi per si kaj elpuŝi la lingvojn vivantajn ? ! — *La redakcio*) ĝi neniam povas taŭgi, kvankam ĝi estas tre bone elpensita kaj superas ĉiujn aliajn provojn de lingvoj tutmondaj. »

### POSTNOTO

En nia antaŭa artikolo en N° 191 de *Franca Esperantisto*, paĝo 83, kolumno 2, oni bonvolu forstreki en la kursiva interkrampaĵo la finon, nome la vortojn: « kies tekston oni ĵus legis », erare aldonitajn; ni ja ne konas la tekston de la letero, kiun estis sendinta S-ro A. Saint-Martin.

Koncerne la aperon de « Universala Vortaro », la kurioza fakto estas, ke sur la kovrilpaĝo de l' unua eldono troviĝas la dato « 1894 », kvankam ĝi efektive aperis unu jaron antaŭe; la cenzurpermeson ĝi ricevis la 30-an de Junio 1893 (*). Ni pli detale analizos tiun unuan eldonon en posta artikolo, kie eblos ankaŭ citi la Zamenhofan tekston de la lasta paĝo (post la listo titolita « *Literaturo* de la lingvo internacia ESPERANTO ĝis Julio 1893 »).

Ankaŭ al nia studo pri la tielnomata « Unua Libro », ni intencas post kelka tempo aperigi aldonon, ĉar ni i.a. eksciis, ke S-ro N. Kawasaki posedas ekzempleron de la tria eldono (1889) « por Rusoj », kies ekziston oni ne konis, ĉar la « Bibliografio de Internacia Lingvo » de S-ro P. Stojan plene silentas pri ĝi. Krome, S-ro C. Chomette havas varianton de l' unua eldono.

Paul CILIGA.

(*) Temas pri dato laŭ la « malnova » (aŭ Julia, ĉar enkondukita de Julio Cezaro) kalendaro ; necesas aldoni dek du tagojn en la XIX-a jarcento por trovi la ekvivalenton en la Gregoria kalendaro (aŭ « nova » stilo, kiun ni uzas, kaj kiu fariĝis oficiala en Ruslando nur en 1918); al la datoj de 1900 ĝis Januaro 1918 oni aldonu dek tri tagojn.

### COMMUNIQUÉ DE LA COMMISSION SCOLAIRE

Sont agréés par la Commission Scolaire les cours de : Mlle Marthe Raynaud (Vienne), M. Garrigues (Marseille) et M. Permanne (Fécamp).

★

### ESPERANTO EN RADIO

La 14-an de marto — en la elsendo de Radio-Luksemburgo « *Lequel des trois ?* » — je 20.20 h. oni demandis al kandidatino : « *Kiu kreis esperanton ?* ». Ŝi bedaŭrinde ne sciis, sed la respondeculo de la ludo donis bonan klarigon pri la Lingvo Internacia.

Radio-Rennes-Bretagne dissendis komunikon pri la programo 1961 de la esperanta Kulturdomo de Grésillon, kaj — alian tagon — mallongan intervjuon de S-ro Frangeul de Angers pri la bonegaj kulturaj vesperoj de la tiea grupo.

★

**« Laŭsistema studo de funkcioj »** (Niŭton, J. Monteiro-adreso : R. Rocha Pita, 117, S. Paulo -Capital (Brasil), 34 paĝoj, 1960. Mendoj : S. Paulo Esperanta Klubo Caixa Postal 5.888, São Paulo, Brazilo. Eksterlando : 0,40 US-dolaro.

Ĉi tiu broŝureto estas presita sur bela papero. La teksto, formuloj, grafikaĵoj estas klaraj.

Ĝi koncernas studon pri la variado de funkcioj. Ĝeneralaj indikoj estas donitaj en la ok unuaj paĝoj. Tiuj ĉi indikoj estas aplikitaj — en la 26 sekvantaj paĝoj por ekzerciĝo — al la variado-determino de tre granda nombro da apartaj funkcioj, kiuj estas algebraj kombinaĵoj simplaj de polinomoj, kvadrataj radikoj, eksponencialoj, kaj trigonometriaj linioj.

La studo de ĉi tiu verko povos helpi al tiuj, kiuj finas aŭ ĵus finis sian duagradan lernadon.

El tute alia vidpunkto ĝi povos doni utilon, riĉigante per sia terminaro la matematikan esperantan literaturon.

Prof. M. FRÉCHET.

# KASTELO DE CHEVERNY

La luksega loĝejo de Cheverny (elp. ŝeverni) tia, kian oni vidas ĝin nuntempe estis finkonstruita en 1634 de Henri Hurault, grafo de Cheverny; lia patro, Philippe Hurault (1528-1599) estis Kanceliero de la reĝoj Henri III-a kaj Henri IV-a, kaj ĉefkanceliero de la Sankta-Spirita Ordeno.

La patro de Philippe Hurault, Raoul Hurault, sekretario de la reĝo LOUIS XII-a estis konstruigita, ĉe la komenco de la XVI-a j.c. en Cheverny, kastelon, el kiu restas sufiĉe impona parto kojnelokita en la dependaĵoj.

La Hurault de Cheverny-linio estis la plej juna linio; la unuenaskita linio estis tiu de la Hurault de Vibraye, al kiu apartenas rektlinie la nuntempaj posedantoj de la kastelo, kiuj krome permesas al publiko la viziton de ilia kastelo.

Tiu kastelo rememorigas, pere de la reguleco de sia arkitekturo, la belan aranĝon de la loĝejoj de Louis-XIV-a-epoko kaj laŭ pluraj detaloj apartenas tamen al la Renesanco.

La granda ŝtuparo, el ŝtono, kies skulptaĵoj prezentas fruktojn, florojn aŭ blazonojn, estas je rektaj supreniroj; ĝi kondukas al la Ĉambrego de la Gvardioj kaj la Ĉambro de la Reĝo.

En la ĉambrego de la Gvardioj, paneloj kaj traboj estas ornamitaj de floraj kaj devizaj arabeskoj, ankaŭ unukoloraj mitologiaj figuroj.

La kameno estas ornamita de kariatidoj kaj statuoj el orumita ligno. Tie, oni ankaŭ vidas trajtojn ĉerpitajn el la Adonis-a fablo. Kontraŭ la kameno troviĝas mirinda tapetego el Gobelinoj (Forrabo de la Bela Helena).

En la ĉambro de la Reĝo, treege kurioza ejo, oni povas ricevi veran kaj ĝustan ideon pri la de la XVII-a jarcento dekoracia belegeco de kelkaj el niaj kasteloj. Tiu ĉambro estas ornamita per tapetegoj el Pariza Fabrikejo, kiuj prezentas la Ulisajn Farojn laŭ modeldesegnaĵoj de Simon Vouet. La pentraĵoj de la plafono, kameno kaj pordsuperoj montras la rakonton de Perseo kaj Andromeda; la malsupraj paneloj, tiun de Teageno kaj Karikla. Sur la plafonaj traboj, procesioj de nudaj infanoj estas mirinde pentritaj; ĉiuj tiuj pentraĵoj estas verkoj de Jean Mosnier (1600-1656).

En la Granda Salono oni rimarkas belajn pentraĵojn precipe sur la cimatioj, prifamiliajn pentraĵojn kaj tre belan seĝaron el Aubusson-tapetfabriko (Louis-XIV-a epoko).

La Malgranda Salono, ornamita per belegaj Flandraj tapetoj, laŭ la modeldesegnaĵoj de Téniers, enhavas belegan meblaron (Louis XV-a epoko).

Muzeo dediĉita al la ĉastrofeoj de la Landsinjoroj de Vibraye, vastaj ĝardenoj disetendiĝantaj al parko enhavanta centjarajn arbojn, kompletigas harmonie tiun arkitekturan tutaĵon, kiun ĝia interna riĉeco lokigas ĉe la unua vico de la Kasteloj el Loire.

tradukis Jack A. ROUSSEAU
(laŭ faldfolio presita de CHAIX).

*N. d. l. R.* — Pro la presa malfruiĝo kaj la kongresa urĝo tiu ĉi numero devis esti mallongigita kaj pluraj komunikoj, recenzoj kaj raportoj prokrastitaj ĝis la venonta.

### AVEC LE CONCOURS DES LIBRAIRES ?

Il existe en France environ 5.000 libraires, près de 20.000 en Europe, plus de 50.000 dans le monde entier.

Supposons un instant qu'un dixième seulement, soit 5.000 libraires, tiennent en permanence un stock de manuels d'étude et d'enseignement de l'Espéranto et que ces libraires disposent ces manuels dans leurs vitrines à la vue des passants. Si, par libraire et par semaine, au moins un client achète un tel manuel, cela fait par an $50 \times 5.000 = 250.000$ acheteurs, donc en puissance autant d'espérantistes nouveaux dont un certain nombre viendront automatiquement grossir les rangs de nos groupes et de nos associations.

Cependant il importe de souligner que les libraires font un choix parmi tous les livres qui leur sont proposés. En général ils n'acceptent que ceux qui leur paraissent aisément vendables, c'est-à-dire ceux qui attirent la curiosité du public tant par le contenu que par la *présentation* et qui, en plus, font l'objet d'une certaine publicité.

C'est à cet aspect de l'information que nous vous invitons à réfléchir.

A. LIENHARDT.

★

### « LA FRANCE SINISTRÉE »

Une chronique mensuelle intitulée « La Tribune Espérantiste » paraît régulièrement dans ce journal grâce à l'initiative de M. Hubert Férez. Le prix d'abonnement est de 3 NF. Pour tous renseignements et toutes communications s'adresser à M. Hubert Férez, 4, rue Stimmer, Strasbourg. Compte Courant Postal Toulouse n° 632.15.

Langres. — Imprimerie Moderne

Le Gérant : J. GUILLAUME.